# INTERNACIA ĴURNALISTO

JARO V. SOFIA — BULGARIO
JULIO-AŬGUSTO 1961, № 4



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# SUKCESPLENA UNIVERSALA KONKRESO DE ESPERANTO, FRUKTODONA JARKUNVENO DE TEĴA

Harrogate, Anglio, aŭgusto 1961! Ankoraŭ unu glore forpasita mejloŝtono sur la venkanta vojo de la Esperanto-movado. Ankoraŭ unu sukcesplena Universala kongreso de Esperanto kaj ankoraŭ unu fruktodona Jarkunveno de TEĴA! Ree ĝui amikan internacian atmosferon dum la tagoj de la kongreso, renkonti kaj interbabili kun malnovaj kamaradoj kaj konatuloj, viziti la variajn kongresprogramerojn — tio estas vera feliĉo!

Kaj inter la multnombraj kongresanoj, venintaj el la tuta mondo, troviĝis ankaŭ dekoj da ĵurnalistoj, redaktoroj, publicistoj, kun kiuj mi amike parolis pri niaj TEĴA — aferoj. Kaj inter ili — nia gvidanto — la prezidanto de TEĴA — Olav Thormondsen el Norvegio, kiu senlace prizorgis la aranĝon de nia Jarkunveno, serĉadis salonon, kolektadis la membrojn. Bedaŭrinde, la sekretario d-ro Dino Fabris, pro malsaniĝo, ne alvenis.

## La jarkunveno de TEĴA

Post longa serĉado de salono la kunveno okazis en Crow Hotel en Harrogate. Bedaŭrinde dum tiu serĉado multaj TEĴA-anoj misorientiĝis kaj ne sukcesis trovi la salonon.

La kunvenon ĉeestis 15 membroj. Post ĝia komenco alvenis ankoraŭ kvin. La prezidanto Olav Thormodsen malfermis per mallonga salutparolado la ĵurnalistan fakkunvenon, bonvenigis la ĉeestantojn en la nomo de la Estraro de TEĴA kaj bondeziris al ĉiuj fruktodonan laboron. Kiel gvidanton de la renkonto estis elektita la prezedanto Thormodsen.

Estis fiksita jena tagordo:

1. Raporto pri la ĝisnuna agado de la Estraro kaj de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio.

2. Raporto pri la eldonado kaj redaktado de la organo de TEĴA — „Internacia Ĵurnalisto".

3. Diskutoj kaj rekomendoj pri la estonta laboro de TEĴA.

4. Elekto de nova Estraro.

## Esperiga agado

Tutmonda Esperanfista Ĵurnalista Asocio jam fariĝis sufiĉe forta kaj multnombra. Kiel faka profesia organizaĵo ĵurnalista, aliĝinta al la Universala Esperanto-Asocio kiel kunlaboranta faka asocio, TEĴA jam okupis bone sian postenon. Ĝi laboras rezultodone, organizante la ĵurnalistojn-esperantistojn sur la bazo de ilia profesia agado, helpas al ilia ĵurnalista interkunlaborado, subtenas la agadon kaj la informan servon de UEA, apogas la kampanjon de UNESCO „Aprezado de kulturaj valoroj de okcidento kaj Oriento".

Pri tiu agado de TEĴA raportis la prezidanto Thormondsen antaŭ la jarkunveno. Dum la du lastaj jaroj al TEĴA aliĝis ankoraŭ 40 ĵurnalistoj kaj nun nia asocio havas 231 membrojn el 28 landoj. Laŭ landoj la membroj dividiĝas jene: Aŭstrio — 3,

Bulgario — 54, Britlando — 6, Ĉeĥoslovakio — 11, Ĉinio — 1, Danlando — 5, Egipto — 1, Francio — 8, Germanio — (G. F. R.) — 3, Germanio (G. D. R.) — 1, Hindio — 1, Hispanio — 2, Hungario — 3, Indonezio — 1, Italio — 4, Izraelo — 3, Japanio — 2, Jugoslavio — 18, Koreo — 3, Nederlando — 4, Norvegio — 3, Pollando 20, Rumanio — 9, Sovetunio — 43, Finnlando — 2, Svedio — 9, Svislando — 1, Vjetnamio — 10. El ĉiuj membroj ĝis nun respondis al la enketiloj, senditaj de la sekretario, nur 79 anoj: de kategorio A — 45 kaj de kategorio B — 34, do iomete pli ol unu triono de ĉiuj membroj. Necesas, ke ankaŭ la aliaj membroj de TEĴA respondu al la enketiloj.

Dum la lasta agadjaro la Estraro estis en regula per cirkulerletera kontakto. Ĉi pritraktadis la plej gravajn taskojn kaj entreprenojn de TEĴA. La sekretariejo de TEĴA sendis unu stencilitan cirkuleron al la anoj, 7 ekzempleroj el kiuj revenis pro malĝustaj adresoj. La cirkulero enhavis informojn pri la laboroj de la fakkunveno de TEĴA en Bruselo. Ni esperas, ke ĝi atingis sian celon. Oni intencis prepari kaj sendi ankoraŭ unu cirkuleron, sed kelkaj malfacilaĵoj, kaj precipe la malsaniĝo de la sekretario, malpermesis fari tion. Sed post la jarkunveno en Harrogate, Anglio, la sekretariejo sendos inform-cirkuleron kun la nomoj de la fakdelegitoj, pri interŝanĝservo de artikoloj k. t. p.

Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio havis ankaŭ kelkajn pli gravajn publikajn manifestaĵojn. La Estraro sukcesis sendi siajn reprezentantojn al la Dua Internacia Renkonto de ĵurnalistoj en Baden, Aŭstrio. En Baden ĉeestis aŭstriaj TEĴA-anoj, el kiuj s-ano Alois Hilkersberger salutis oficiale la renkonton en la nomo de TEĴA kaj montris la rolon de nia asocio en la interĵurnalista kunlaborado. La renkonton ĉeestis ankaŭ 3-membra delegacio ĉefrunte kun la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" — Ivan Esperov.

Krom tio la prezidanto Thormondsen en radioparolado en Norvegio rakontis pri la celoj kaj taskoj de TEĴA. La vicprezidanto Niilo Kavenius el Finnlando sukcese propagandis nian aferon dum nacia ĵurnalista konferenco en sia lando. La sekretario-kasisto d-ro Dino Fabris el Italio faris tri prelegojn pri la laboroj de TEĴA: la unua okazis dum la Itala Esperanto-kongreso en Kortina, la dua — en Milano dum la Foiraj laboroj kaj la tria — en Vinĉenza, okaze de la 50-a datreveno de la fondiĝo de tiea Esperanto-grupo. La sekretario Fabris reprezentis nian asocion en la Internacia Ĵurnalista Renkonto pri Skiado en la Unua Tutmonda Ski-konkurado (en Kortina, Italio) kaj transdonis salutojn en la nomo de TEĴA. Delegacio de la bulgara ĵurnalista esperantista sekcio aperis antaŭ la prezidanto de la Unuiĝo de bulgaraj ĵurnalistoj por rakonti al li pri la laboro de TEĴA kaj redaktado de „Internacia ĵurnalisto".

Multajn atingaĵojn havas TEĴA. Pro la limigita tempo la prezidanto ne povis mencii ĉiujn. Krom la pliigo de la asocia membraro, en Krakow, Pollando, estis fondita nova ĵurnalista sekcio, al kiu aliĝis 17 kolegoj. Treege grava sukceso por nia Asocio estas ankaŭ la sekurigita regula aperado de „Internacia Ĵurnalisto".

Pri la Turisma servo de TEĴA. La prezidanto sciigis, ke ĝi estas jam en ordo kaj bone funkcias, gvidata de la sekretario kaj ĉiu membro, deziranta vojaĝi eksterlanden, gasti al siaj kolegoj, povas sin turni al la gvidanto por helpo tiurilate. Li informis, ke funkcias ankaŭ Interŝanĝa servo de TEĴA, gvidata de s-ano Jepsen el Danlando, sed ke ĝi ankoraŭ ne estas uzata sufiĉe bone. La prezidanto esprimis la certecon, ke dank'al la atingitaj ĝis nun sukcesoj TEĴA por estonte pliaktiviĝos. Kun la helpo kaj apogo de ĉiuj membroj ĝi atingos novajn sukcesojn kaj praviĝos sian ekziston.

### Pri la aperigo kaj redaktado de „Internacia Ĵurnalisto"

En la nomo de la neĉeestanta redaktoro Ivan Esperov aparte raportis Atanas Lakov el Bulgario, membro de la redakta kolegio de nia organo.

La malfacilaĵoj por la regula aperado de „Internacia Ĵurnalisto" jam estas preskaŭ forigitaj. La promeso de la redakcio aperigi regule dumonate (6-foje en la jaro) la organon de TEĴA estas plenumata. Dank'al la klopodoj de la Estraro de TEĴA, al la sinoferema laboro de la redaktoro kaj de la redakta kolegio, dank' al la morala kaj materiala helpo de la bulgaraj anoj de nia Asocio kaj de multaj eksterlandaj membroj „Internacia Ĵurnalisto" aperis ĝis la fino de junio trifoje. Tiu fakto, kaj la disdonita al la ĉeestantoj de la jarkunveno en Harrogate № 3 de la organo, alportita persone de la bulgara delegito Atanas Lakov, emociigis

ĉiujn ĉeestantojn. Ili esprimis laŭtvoĉe kaj siajn ĝojon kaj dankemon.

La organo aperas en pli granda formato, ilustrita, kun kliŝitaj rubrikoj kaj variaj materialoj. Lastatempe grandan intereson elvokis la rubriko „Nia Enketo", koncernanta la agadon de TEĴA. En ĝi estis aperigitaj interesaj materialoj kaj artikoloj, ekzemple tiuj de Ida Lisiĉnik kaj N. F. Danovskij el USSR, de Niilo Kavenius el Finnlando, de A. V. Zednik el Ĉeĥoslovaka Socialista Respubliko k. a.

„Internacia Ĵurnalisto" fariĝis ankoraŭ pli bona propagandilo, organizilo kaj informilo de TEĴA. Sed tamen estas necese diri, ke en la redaktado de nia organo ne ĉio estas en ordo. Oni ankoraŭ renkontas obstaklojn, kun kiuj la redakcio batalas. Unu el la plej grandaj obstakloj estas la nesufiĉa kunlaborado al la organo flanke de nia eksterlanda membraro. Do, la plibonigo, la plivariigo de „Internacia Ĵurnalisto" postulas la necesan aktivan kunlaboradon de ĉiuj ĝiaj legantoj.

La redakcio renkontas ankaŭ malfacilaĵojn en la ekspedado de la organo post ĝia apero, malgraŭ ke la sofiaj TEĴA-anoj kontribuas tiurilate. Por la regula aperado kaj ekspedado estas necesa nepre la financa apogo de ĉiuj membroj de la Asocio. Oni devas pagi regule sian membrokotizon, subteni la fondaĵon „Internacia Ĵurnalisto".

**Diskutoj pri la estontaj labortaskoj**

Post la raportoj okazis diskutoj pri la ĝisnuna-agado de la Estraro kaj de la Asocio, pri la estontaj labortaskoj de TEĴA. Ĉiuj esprimis kontenton pri la akiritaj atingaĵoj kaj donis rekomendojn kaj proponojn pri la plifirmigo kaj plibonigo de la laboro. La kolego Grahn el Svedio proponis, ke estus celkonforme aperigi la adresaron de la membraro de TEĴA kaj dissendi ĝin al ĉiuj membroj. Ili utiligos ĝin por sia interĵurnalista kunlaborado. La eminenta esperantisto kaj poeto Julio Baghy, kiu partoprenis la jarkunvenon de TEĴA, rekomendis ke ĉiuj sendu informojn pri la pacaj laboroj kaj ankaŭ ~~sciigojn~~ pri la esperantistaj radioprogramoj al „Internacia Ĵurnalisto". Tielmaniere la organo fariĝos pli aktuala kaj interesa. Baghy proponis, ke al la membroj oni sendu ne nur la adresaron, sed ankaŭ aktualajn informojn.

La reprezentanto de la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" A. Lakov rekomendis, ke la membroj devas sendi al la organo de TEĴA ankaŭ artikolojn de elstaraj ĵurnalistoj neesperantistoj. La kolegino Flego Zlata el Jugoslavio esprimis la deziron ke oni fondu ĵurnalistan agentejon ĉe TEĴA, kiu povus aperigi oftan stencilitan informbultenon. Ŝi proponis, ke oni aldonu al la aperigota adresaro ankaŭ la adresojn de elstaraj profesiaj ĵurnalistoj de la tuta mondo.

Tiujn ĉi kaj la aliajn proponojn de la ĉeestantoj la Estraro antaŭvidos en sia estonta agadlaboro.

**Elekto de nova estraro**

La lasta punkto de la tagordo estis elekto de nova Estraro de TEĴA. Ĉar ĉiuj ĉeestantoj pritaksis la laboron de la ĝisnuna Estraro kontentiga, oni akceptis la proponon de iuj kolegoj kaj unuanime reelektis la ĝisnunajn estraranojn.

Fine la polaj, jugoslaviaj kaj japanaj kolegoj petis ke oni sendu informojn al iliaj radiostacioj. La reprezentanto de radio Varsovio invitis ĵurnalistojn gasti al Varsovio. La ĵurnalistoj bv. informi sian nacian gazetaron pri la esperantaj radioelsendoj.

Post la jarkunveno de TEĴA okazis amikaj interparoloj kaj komuna fotografado.

**Atanas Lakov,**
Sofio

---

## NIAJ VICOJ KRESKAS

En nia urbo Ŝadrinsk, krom lundo kaj ĵaŭdo, ĉiutage aperas la ruslingva kvarpaĝa gazeto „Ŝadrinskaja Pravda" (Ŝadrinska Vero). En la Ĵurnalista medio sin trovas novaj kaj novaj adeptoj de la Internacia lingvo, la lingvo de la tutmonda paco kaj internacia amikeco. La redaktoro de la gazeto Ivan Daurcev tre interesiĝas pri la lingvo kaj la esperantista movado. Li aŭtodidakte lernas Esperanton kaj ricevas la revuon „Nuntempa Bulgario". Ankaŭ memstare lernas la lingvon kaj abonis la saman revuon la gvidanto de la agrikultura fako ĉe la redakcio Veniamin Soldatov.

Sur la paĝoj de „Ŝadrinskaja Pravda" de tempo al tempo aperas informoj pri la esperantista movado en la urbo kaj tradukitaj artikoloj el la esperantaj revuoj „Nuntempa Bulgario" kaj „El Popola Ĉinio". Dum la lastaj du jaroj oni publikigis sur la paĝoj de la gazeto 7 tradukaĵojn kaj 3 priesperantajn artikolojn.

**Jakov Vlasov**
str. Fevralskaja 133, Ŝadrinsk,
Kurskoj obl., Sovetunio

# Niaj kolegoj rakontas

## PENSOJ PRI MIA LABORO

(Fragmento el la taglibro de ĵurnalisto)

Ofte, tre ofte mi pensas kial niaj skizoj kaj eseoj pri vivaj homoj (mi ne parolas pri oficialaj intervjuoj) en sia plimulto aperas elsub nia plumo tiel stilplataj, kiel senvizaĝa elfrotita kupra monero. Tiel enue similaj al aliaj skizoj, malgraŭ ke ili estas skribitaj en diversaj naciaj lingvoj, de diversaj aŭtoroj kaj pri diversaj homoj. El kie venas tia stranga simileco?

Kiel ni preparas niajn skizojn? Jen la ĉiutaga praktiko. Ni bone primeditas la planon de la skribaĵo, la ordon de demandoj, la sencon kaj la problemojn. Sed kutime ni ne konsideras la malsimplan psikologion, la plensukan vivanimon de nia estonta konversaciato. Kion li amas kaj malŝatas, pri kio li revas dum sendormaj noktoj- pri tio ni scias nenion. Ni vidas nur la supraĵojn, kiuj estas trompemaj kaj ofte diferencaj ĉe aliaj homoj. Krome, ni malbone konas la metion de la konversacioto, lian etoson, fermita por ni per netravidebla densa kurteno.

Ni aperas antaŭ li ofte kiel „Deus ex machina" kaj tuj embarasas lin per similaj vortoj: „Mi estas reprezentanto de X-ĵurnalo, de Y-gazeto, mi dezirus demandi vin, peti vin. . ." ktp. Estu vi-ĵurnalisto-plej bonintenca, plej delikata kaj ĝentila, sed vi ĉiam embarasos la konversaciaton. Vole nevole li kaŝos de vi sian animon, sian koron sub kiraso, kiel testudo antaŭ proksimiĝanta danĝero. La homa animo ne ĉiam malkovriĝas antaŭ hazardaj okuloj. Via interparolanto ne estas certa pri tio, kion vi intencas skribi. Via kristale pura ĝentileco ne estas sufiĉa kaj ne ĉiam garantias sukceson en via laboro. Viaj nespertaj demandoj pri lia metio, okupiĝoj ktp. povus inciti aŭ kolerigi lin, ridetigi lin, kaj li ofte respondos nur por respondi, ĉar tio necesas.

Kia estas la rezulto? En tiuj okazoj vi ĉiam glitados nur surface. Poste vi povas sendube ornami la skizon per viaj spertpovo, fantazio, per via talento kaj eĉ-per efektiva skribartifiko. Tamen la surfaco restos plata, glata, unuforma, unuspeca, senanima. Kaj nenia talento povus ĝin profundigi. Kial? Car nur en la fundo de la animo oni trovos mirindajn trezorojn. Oni devas trovi la veran vojon al la trezorejo, al la homa animo. Ne konsiderante tion, nia malkonvena metodo kondukas al senrezulta, senutila laboro.

La multjara sperto montras al ni, ke se ni deziras krei legindan, interesan, emociplenan skizon aŭ eseon ni devas atenteme alpaŝi al nia skriblaboro. Serioze konatiĝi kaj anticipe pristudi la objekton eĉ se necese pere de aliaj liaj konatuloj kaj amikoj— jen la vera metodo. Alpaŝante al li vi jam devas scii ĉion, kio estas necesa al vi. Nepre vizitu liajn hejmon kaj laborejon, bone pripensante vian konduton, ĝentile sin turnu al li. Unue fariĝu lia amiko kaj ne avertu lin pri viaj tasko kaj intencoj. Tiel li ekfidos al vi kaj malfermos la profundecon de sia animo. Post tio vi rikoltos sukcesojn. Ne forgesu tamen, ke inter la verkisto kaj ĵurnalisto estas tia diferenco: la verkisto rajtas elpensi kaj fantazii, ne forgesante la realecon, dume la ĵurnalisto tion ne rajtas. La jurnalisto devas priskribi nur la veran vivon.

Kompreneble, tio estas streĉa kaj longa laboro por la jurnalisto. Sed nenion bonan ni ne povas atingi sen perdo de tempo kaj pena laboro. La soveta poeto Majakovskij diris: Mil tunojn da vorta erco (ni devas prilabori) por esktrakti nur unu vorton."

Laŭ mi, tiel ankaŭ ni—jurnalistoj—devas labori.

Mi tre interesiĝas pri tiu demando. Pro tio kaj por plibonigi nian sperton mi turnas min al ĉiuj kolegoj de la mondo kun la peto: sendu al mi viajn opinion kaj sugestojn pri tiu temo, eltranĉaĵojn gazetajn aŭ libretojn, en kiuj oni pritraktas tiun demandon.

Oskar Gardi
str. Ŝkolnaja 2, kv. 18,
Leninĝrad — P — 183
Sovetunio

TEĴANOJ, PROPAGANDU NIAN KOMPRENILON — ESPERANTO!
VARBU NOVAJN MEMBROJN DE TEĴA

# AĈA VIVO*

Mi jam longe lin ne vidis. Kaj li ĉiam estis tiel agrabla homo, tiu Viktoro. Ridetanta, gaja, optimisma. Kiam ni vidis nin dimanĉe, okaze de futballudo, mi lin laŭkutime demandis: „Kiel vi fartas, Viktorĉjo?" Kaj tiam li ĉiam ekradiis kaj kontente min informis:

„Sed bone, kamarado, bone. Vi scias ja, ni laboras ambaŭ kun la edzino, do nenio al ni mankas. Mi ŝparas por povi aĉeti televidan aparaton kaj poste mi ekŝparos por aŭtomobilo — kion vi diros pri tio? Kaj konfide dirite, ankaŭ dometon ni dezirus aĉeti. Tian malgrandan, familian, kun beleta ĝardeneto, nu, kaj kio plie al ni mankos? Kaj kion vi diros pri la futballudo, bona ĝi estas hodiaŭ, ĉu ne?

Li prilaŭdis sian surteran vivon kaj post la futballudo ĉiam vizitis restoracion por trinki tri bierojn de Plzen por finbati la dimanĉon, kiel li kutimis diri.

Longan tempon mi lin ne vidis, Viktoron. Sed refoje renkontante lin:

„Nu, kiel vi fartas, Viktorĉjo?"— mi alvokis lin kiel antaŭ jaroj. Sed ĉi-foje Viktorĉjo entute ne aspektis optimisme. Melankolie li eksvingis la manon kaj diris:

„Eh, kia aĉa vivo!"

Mi miris. Sed Viktorĉjo persistis: „Aĉa vivo, kamarado! Mi eĉ nek tiun futbalon povas viziti. De tiu tempo, kiam mi posedas aŭtomobilon, ni ĉiudimanĉe veturas eksteren. „Ju pli malproksimen, des pli bone" — diras al mi Olga. Ŝi amuziĝas ĝuante la pejzaĝon. Kaj mi ĉiun fimanĉon vespere estas preskaŭ disrompita. Kaj soifanta. Vi scias ja — ŝoforo — kaj neniaj tri bierojn de Plzen por ĝutrinko en la dimanĉo. Nek biereto, kamarado!"



Mi volis kontraŭdiri, ke estas aĉeteblaj eĉ bongustaj senalkoholaj trinkaĵoj, sed Viktoro ne lasis min ekparoli. Li sciiĝis al mi, ke ĉiun dimancon vespere li lavas la aŭton kaj lundon matene antaŭ la foriro al la laboro, ke li traŝmiras pivotojn.

Por konsoli lin, mi diris: „Jen sciu, Viktorĉjo, ĉiu aĵo postulas ordon. Ĝis kiam vi posedos tiun dometon. . ."

„Mi ĝin jam posedas!" — diris li malafable. „Mi scias ja, kiom da laborpenoj ĝi postulas! Mi farbŝmiras la palisaron, mi ŝmiras la serurojn, mi riparas la sonorileton, mi pioĉas la ĝardeneton kaj serĉalvokas la komunumajn servantojn."

Mi silentis. La televidan aparaton mi ne plu volis rememorigi al li. Certe ankaŭ kun ĝi ili havas malbonajn zorgojn.

Viktoro ekrigardis min kaj post momento li diris per voĉo, kiu aspektis kvazaŭ riproĉanta:"

„Kaj ankaŭ mi havas televidan aparaton! Ĉiun vesperon mi devas sidi ĉe ĝi! Se mi ellasas, mia edzino min riproĉas: Vi ja volis ĝin havi, tial do eluzu ĝin!"

Mi havis nenian ideon kiamaniere konsiligi la amikon.

„Tia aĉa vivo, kamarado," li daŭrige plendis.—„Tutan semajnon mi fortostreĉe laboras ĉirkaŭ la domaĉo kaj ĉiuvespere mi malsatdormema dormetas apud la televidilo Sed la malplej bonaj estas tiuj ses, sep horoj malantaŭ la aŭtodirektilo." Kaj li ekĝemis.

Finfine venis al mi la ideo diri al li ion agrablan. „Kaj se vi por la dimanĉoj prizorgus por vi ian kabanon en proksimeco de Praha? Se vi laborgajnas ambaŭ. . ."

Mi ne finparolis. Viktoro sen unu vorto de adiaŭo sin turnis kaj foriris. Depost tiu tempo li ne plu kun mi parolas. Kaj kia bona knabo li estis!

* El la ĉeha satira gazeto „Dikobraz" (Histriko) tradukis A. V. Zednik, Modřany 1482, PRAHA, ČSSR.

**Rudolf Ĉechura**, ĉeĥa verkisto

## TUTMONDA ESPERANTISTA JURNALISTA ASOCIO (TEJA)

**(Kunlaboranta faka Asocio de Universala Esperanto-Asocio)**

***Celoj:*** *TEĴA estas neŭtrala profesia organizaĵo. En ĝi rajtas membri ĉiuj jurnalistoj, korespondantoj, publicistoj esperantistoj, sendepende de iliaj nacieco, raso, politikaj kaj religiaj konvinkoj kaj tendencoj. La Tejanoj zorgas pri la disvastigo de Esperanto tra la mondo pere de gazetoj, revuoj, k. t. p., kaj tra la jurnalistoj mem. Krome okazas komuna kunlaboro en la medio de la jurnalistoj per interŝanĝservo kiu pruvas al la publiko la utilon de Esperanto kiel internacia laborlingvo.*

***Membroj:*** *Laŭ la Statutoj TEĴA havas du membrokategoriojn, kiuj estas:*

*A) profesiaj jurnalistoj kaj redaktoroj, kiuj sin vivtenas nur per sia jurnalista laboro;*

*B) kromprofesiaj jurnalistoj, kiuj havas alian profesion, sed de tempo al tempo aŭ regule verkas artikolojn esperantajn aŭ neesperantajn; samideanoj, kiuj kromprofesie redaktas Esperantogazeton, k. s.; verkistoj.*

***Kotizo:*** *1 Usona dolaro jare, aŭ 14 steloj, aŭ 10 internaciaj respondkuponoj, aŭ egalvaloro en nacia valuto, pagendaj al Sekretario-Kasisto aŭ al la Redaktoro, laŭ la eblecoj.*

***Oficiala organo:*** *„Internacia Ĵurnalisto" estas oficiala organo de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, eldonita en Sofia (Bulgario), kiun ĉiuj membroj rajtas ricevi.*

***Jarkunveno:*** *Tio okazas ĉiujare dum la laboroj de la Universala Kongreso.*

***La Estraro:*** *Prezidanto — Olav Thormodsen, Boĝ 132, Haugesund (Norvegujo); Vicprezidanto — Niilo Kavenius, Niklasengatu 10/14, Turku 9 (Finnlando); Sekretario-Kasisto — D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Citadella-Padova (Italujo); Redaktoro — Ivan Keremidĉiev Esperov, bulv. Hristo Botev 98, Sofia 2 (Bulgario).*

---

## LA MALGRANDA SOVETA ENCIKLOPEDIO PRI ESPERANTO

La Malgranda Soveta Enciklopedio enhavas artikolon „Artefaritaj lingvoj" en la 4-a volumo, p. 214:

„**Artefaritaj lingvoj** — lingvoj diference de la naturaj, kreataj konscie, plej ofte por plenumi rolon de internacia helpa lingvo. Plej konata el la artefaritaj lingvoj estas Esperanto. Antaŭ ĝi certan sukceson ĝuis Volapük. Ĉiuj ceteraj artefaritaj lingvoj disvastiĝis malmulte (Ido, Occidental, Novial, Interlingva)".

10-a vol., p. 986:

„Esperanto, artefarita internacia lingvo, ricevinta sian nomon de la pseŭdonimo de la kreinto de la projekto, d-ro L. L. Zamenhof (Varsovio). La unuaj lernolibroj de Esperanto aperis en 1887 en Varsovio, en rusa, pola k. a. lingvoj. La gramatiko de Esperanto, konstruita laŭ la tipo de la aglutinaj lingvoj, estas entenata en 16 reguloj, kiuj ne permesas esceptojn. Ĉiuj substantivoj finiĝas per o, ĉiuj adjektivoj — per a ktp. Laŭ severe reguligita sistemo de sufiksoj kaj prefiksoj efektiviĝas la karaktera por la hindeŭropaj lingvoj vortfarado; kunmetitaj vortoj formiĝas per simpla vortkunmetado. La radikoj de Esperanto estas prenataj ordinare el la vortoj, kiuj fariĝis internaciaj. En Esperanto ekzistas beletristiko, scienca kaj populara literaturo, tradukita kaj ankaŭ originala. Organizaĵoj de esperantistoj ekzistas en multaj landoj. En Esperanto aperas ĉirkaŭ 100 gazetoj, inkluzive „Nuntempa Bulgario", „El popola Ĉinio", „Vjetnamio anteŭenmarŝas" k. a. En 1959 en Varsovio okazis la 44-a Universala Kongreso de la esperantistoj, kiun ĉeestis pli ol 3000 delegitoj el 63 landoj. Kiel helpa rimedo por kontaktoj Esperanto faciligas la lernadon de la diversaj lingvoj, precipe de la romanidaj. Iuj lingvistoj ne konsentas, ke Esperanto estas uzebla kiel artefarita internacia lingvo".

Tia estas la enhavo de ambaŭ artikoloj, kiujn ni legas en la Malgranda Soveta Enciklopedio. La dua artikolo ne estas mallonga, se oni konsideras, ke la enciklopedio havas nur 10 volumojn kaj ĝia enhavo estas orientita pli multe al aliaj fakoj de la scienco ol al la lingvistiko. Ni dankas al la Redakcio de Malgranda Soveta Enciklopedio pro la objektiva, favora, scienca informo pri Esperanto kaj ni rekomendas, ke la lingvistaj kunlaborantoj studi pli detale la nuntempajn sukcesojn de nia movado kaj la sukcesojn en la originala kaj traduka literaturoj en Esperanto.

**Simeon Hesapĉiev**, Sofia

# EL LA TUTA MONDO

## Por libera esprimo de opinio

Laŭ la gazetaro, Ervas-episkopo de la urbo Sjudad Real en Hispanio, publikigis epistolon, per kiu li insistas, ke oni urĝe akceptu la novan leĝon pri la gazetaro, konfirmantan la principon de libera esprimo de opinioj. La epistolo de la episkopo oni konsideras kiel gravan eventon, ĉar li estas unu el la tri episkopoj- anoj de la 30-membra komisiono, al kiu oni donis la taskon prepari leĝprojekton pri la gazetaro. En januaro episkopo Ervas forlasis la komisionon deklarante, ke la donitan taskon oni ne devas decidi ĝis kiam la hispana registaro konsideros sin mem kiel arbitron pri la gazetaro kaj ĵurnalista laboro.

## Oni postulas. . .

La Unuiĝo de la Ĵurnalistoj en Luksemburgo sendis al ĉiuj deputitoj leteron, per kiu ili insistas la abolicion de la leĝo de 1850, kiu malpermesas vendadon de gazetoj surstrate. La Unuiĝo konsideras tiun leĝon maljuniĝinta kaj ke la malpermeso de gazetvendado surstrate malhelpas la informadon de la socio.

## 300-a datreveno de la pola gazetaro

En la kadroj de la solenaĵoj okaze de la 300-a datreveno de la pola gazetaro, en Olŝtan, Pollando, okazis dutaga konferenco dediĉita al la historio de la pola gazetaro. La unua ekzemplero de la pola gazeto „Poĉta kralevicka" aperis en 1718. Tiuokaze estis organizita ekspozicio „Ek de „Poĉta kralevicka" ĝis „Olŝtinskij golos", montrinta la historion de la gazetaro en Olŝtona distrikto.

## La Esperanto-gazetaro aktivas

Laŭ la statistiko, dum 1960 aperis 13,570 artikoloj kaj informoj en esperanto en la gazetaro de 30 landoj, estis dissenditaj 669 radioprogramoj, organizitaj estis 288 Esperanto-ekspozicioj, vizititaj de 422,000 personoj, estis organizitaj 1361 lekcioj kaj prelegoj, vizititaj de 94,000 aŭskultantoj.

## Robindranath Tagore en Esperanto

Okaze de la 100-a datreveno de la naskiĝo de Robindranath Tagore (1861—1941) — fama hinda poeto kaj filozofo—en Esperanta traduko aperis kolekto de liaj rakontoj, ilustritaj de Sukhamoy Nitra.

## Ekspozicio pri ĵurnalismo en Britlando

La 17-an de majo en la muzeo „Betnel Grin" en Londono estis inaŭgurita ekspozicio, dediĉita al la angla ĵurnalismo. La ekspozicio montras la historion de la angla gazetaro komencinta la 23-an de majo 1622, kiam komencis aperadi la unua presgazeto ĉiutaga „Uikli njus from Itali, Germani. . .", post kiu aperis la unua nomero de la angla gazeto „Dejli kurant" en 1702.

## Soveta Ĵurnalista delegacio en Usono

En la kadroj de ŝanĝo de gazetaraj delegacioj kun la Unuiĝo de redaktoroj de gazetoj en Usono, antaŭnelonge forflugis al Usono soveta ĵurnalista delegacio ĉefrunte kun la prezidanto de la nova soveta presagentejo „Novosti" B. S. Burkov, Membroj de la delegacio estas ankaŭ ĵurnalistoj el la gazetoj „Pravda", „Izvestija", „Komunist", „Trud" k.a.

## Vjetnamaj fotoĵurnalistoj sin preparas...

La vjetnamaj fotoĵurnalistoj sin preparas por partopreni la internacian fotoekspozicion, kiu okazos dum la aŭtuno en Moskvo, USSR. Partoprenos ĉirkaŭ 80 fotoĵurnalistoj el diversaj gazetoj.

## „Ĵurnalista semajno"

La Federacio de la apudmaraj ĵurnalistoj (FEPELA) en sia kunsido decidis organizi ĉiujare „Semajnon de la ĵurnalisto" de 18 ĝis 24 de junio. Ĉiuj membroj de la Federacio estas devigataj en la kadroj de tiu semajno organizi diversajn entreprenojn kun la partopreno de kolegoj el Urugvajo, Paragvajo, Brazilo kaj Bolivio.

### *„HUNGARA VIVO" — NOVA ESPERANTO-REVUO*

*Ankaŭ en la Hungara Respubliko la Esperanto-movado prosperas. La restarigita Esperantista Asocio en Hungarlando jam konkeris gravan pozicion. En Budapeŝto komencis aperi grandformata luksa esperanto--revuo „Hungara Vivo" kun la helpo de la plej eminentaj hungaraj esperantistoj: Ĉefredaktoro-Ludoviko Kökéni, respondeca redaktoro-Borbala Szerémi-Toth, redakta komitato — D-ro J. Mateffy, Fr. Nemes, P. I. Nolipa, L. Somlai kaj I. Szemes. Ĉefkunlaborantoj — J. Baghy, K. Bodó, K. Kalocsay kaj L. Tarkony. Responda eldonisto-Istvan Kadar, eldonas-Akadémiai Nyomda, Budapest, Felelös vezetö: Bernat György, Hungario. La revuo prezentos al la tutmonda Esperanto-legantaro la ĉiuflankan prosperon de la politika, ekonomia kaj kultura vivo de Hungarlando. La unua n-ro komencas kun antaŭparolo de la eminenta hungara Esperanto-poeto Julio Baghy. La revuo estos 32-paĝa, tre bone ilustrita. Jam aperis la unua n-ro.*

*Gratulante la kunlaborantojn de „Hungara vivo", la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" bondeziras al ili sukceson en ilia nobla por- kaj peresperanta laboro.*

## NOVAJ MEMBROJ DE T. E. Ĵ. A.

Pakula Arunas Antonoviĉ, str. Respublika 74-a, kv, 3. Panevejis, Litova SSR, USSR.

Aleksej N. Hovanskij, Soŝkar Ola, Maria, ASSR USSR.

Todorka Dunĉeva; str. „Dragalevska" 6, Sofia, Bulgario.

Aleshi Plots, redaktoro de „Suderia Bulteno", Akola (Vidarzhâ), Hindio.

---

## Alvoko al la danubvalaj foto-kaj kinoamatoroj

Sub la protekto de la Hungarlanda Esperanto-Asocio la Centra esperantista amatora filmaktora kaj artista kolektivo „Julio Baghy" hungarlanda sekcio de la Internacia Ligo de Esperantistaj foto kaj kinoamatoroj (Budapeŝto 119, poŝtkesto 6) en septembro 1962 intencas aranĝi en Budapeŝto Danubvalan amatoran filmfestivalon kun propaganda ekspozicio.

Por la preparo de la festivalo la antaŭprepara komitato serĉas kunlaborantojn el la danubvalaj landoj.

Celo de la festivalo: krei internacian veran amikecon je signo de la tutmonda paco kaj organizi komunan laboron inter la foto kaj kinoamatoroj en tiu eŭropa regiono. La intenco estas: organizi ĉiujare festivalon en malsama lando, aranĝi ĉiujare someran tendaron kun turista vojaĝo.

Sendu proponojn kaj konsilojn al:

Centra esperantista kinoamatora kaj fotoklubo „Julio Baghy" ĉe Hungara Esperanto-Asocio, Budapeŝto 119, Poŝtkesto 6, Hungario

## Kontribuajoj al la kampanjo de UNESKO „Aprezado de Orientaj kaj Okcidentaj kulturaj valoroj

La Ĵurnalistoj-esperantistoj konstante laboras por kontribui al la kampanjo de UNESKO „Aprezado de Orientaj kaj Okcidentaj kulturaj valoroj." La ĉina Esperanto-poeto Sung Yong tradukis el Esperanto versaĵon de la hungara nacia poeto Petöfi en ĉinan lingvon (tradukita en Esperanton de la fama Esperanto-poeto K. Kalocsay). Tiuokaze la hungara registaro premiis la ĉinan poeton Sung Yong.

## Ankoraŭ kontribuaĵoj. . .

En la organo de la vjetnama Unuiĝo de la verkistoj kaj pentristoj „Literaturo kaj arto" estis publikigita artikolo de nia TEĴA-ano Dao Anh Kha sub la titolo „Esperanto en la literaturo". El Esperanto estas tradukitaj kaj aperigitaj en la vjetnama gazetaro ankaŭ versaĵoj de la poetoj Hr. Smirnenski (Bulgario), Gim Ger (Koreo), M. Sheid (hebreo) kaj la novelo de Tanaka Sadami (Japanio), verkita originale en Esperanto.

## Ricevitaj esperantaĵoj

Malkaŝa letero — al la mondaj geintelektuloj — de la Komitato kontraŭ la persekuto de Sudvjetnamaj geintelektuloj flanke de USONO-Dziem, kun surskriba listo. Liveras Vjetnama pacdefenda Esperantista' Asocio.

Triumfu la politiko de paco kaj paca kunekzistado, oni metu finon al la kolonia jugo. Libreto 168-paĝa kun paroladoj, raportoj, interparoloj, kaj eldiroj de la unua sekretario de Bulgara kumunista partio T. Ĵuvkov konekse kun la XV sesio de la Asambleo de UNO. Eldonis kaj liveras la libreton: Eldonejo de fremdlingva literaturo, Sofia, str. Levski 1, Bulgario.

Bulgara-esperanta vortaro (plena) Paĝoj 634, grandformata. Eldonis: Ŝtata eldonejo „Nauka kaj izkustvo". Prezo 31.40 levoj. Liveras: Bulgara Esperantista Asocio, bulv. Dondukov 57, poŝtkesto 66, Sofia, Bulgario.

Retenu ilian kriman manon. — Broŝuro 16-paĝa, entenanta alvokon de la Nacia Fronto de Liberigo de Sudvjetnamo.

Voĉoj de Paco — Voĉo de virinoj —40-paĝa broŝuro, eldonis organizaĵo „Voĉoj de virinoj", Room 204, 329 Bloor Street Wost, Toronto, Ontario, Kanado.

Verkoj de Maŭ Zedong — du binditaj libroj: 1. Pri popol-demokratia diktaturo, 2. Interparolo kun Usona ĵurnalisto Anna Louise Strong. Eldonis Ĉina Esperanto-Ligo, Pekino, Ĉinio.

Nova Ezopo — fablaro-verskolekto de Ŝtefo Urban, maŝinskribita kaj bindita. Praha. Ĉeĥoslovakio.

La Serĉado — verskolekto de la sama aŭtoro, maŝinskribita, bindita.

---

## 47-a Unuversala Esperanto-Kongreso en Sofio, Bulgario

La Bulgara registaro invitis la 48-an Universalan Esperanto-Kongreson, kiu okazos 1963. La bulgaraj kaj la sofiaj esperantistoj estas pretaj gastigi la tutmondan esperantistaron en Sofio.

## Gaste al bulgaraj kolegoj

Nia kolego Karl Kvist-vicprezidanto de MEM kaj redaktoro de la sveda eldono de „PACO" kaj s-ino Roza Vindol, sekretario de la Esperanto-Federacio en la sveda regiono Vermland, ambaŭ el urbo Deje, Svedio, vizitis Bulgation dum aŭgusto-septembro kaj somerumis ĉe la bordo de Nigra Maro. En Sofio ili estis gastigitaj kaj akompanitaj de Canko Mirgin, TEĴA-ano kaj prezidanto de MEM, kaj de Ivan Esperov, redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto".

---

*Redaktoro: Jvan Keremidĉiev — Esperov, bulv. Hristo Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04. Bulgario*